

# La Skolta Mondo

Organo de Skolta Esperanto-Ligo numero 3-4 /2003

Lideres en Acción
Chile 2004

## Gvidantoj en Ago - Ĉilio 2004

## TutMonda Skoltina Ĵamboreo

# La Skolta Mondo

**ISSN 0037-6558**
Oficiala Organo de Skolta Esperanto-Ligo n-ro 3-4/2003
-
The magazine of the Scout Esperanto League
Gazette de la Ligue Scout Esperanto
Boletín de la Liga de Guías y Scouts Esperantistas
Gazeta de la Liga de Scouts Esperantistas
-
**Membrokotizo/Abonkotizo**
20% de la UEA-kotizo MJ(T)

Sugestoj k. kontaktoj al redaktejo:
 etaprinco@yahoo.com.br

Vi mem povas printigi la numeron de *La Skolta Mondo* por viaj amikoj, lernejanoj kaj skoltaj gefratoj !

**Printebla versio** en:

ttt.esperanto.org/skolta/sm.pdf

# Enhavo



## GRANDA VENKO!

Fine de Oktobro ni vigle partoprenis en Interret-Ĵamboreo (vidu sur la paĝo 8-a la Ateston).
Tamen nia plej granda venko estis sukcesi de la kunordiganto la plenumon de sia promeso: kaj la aliĝoj kaj ĉiuj informoj estis disponeblaj en Esperanto!
Centoj da geskoltoj kiuj eniris en JOTI-ĉef-paĝon https://base.jotijota.org/joti/registration devis elekti inter kelkaj lingvoj, kaj ne povis ne vidi la nuran per majuskla komenc-litero: Esperanto.

## En la Reto

Revuo por komencantoj:
http://Esperanto.net/komecanto
Kolora afiŝo en 118 lingvoj:
Paca mesaĝo de indianoj en E-o sur afiŝego kune kun aliaj 117 idiomoj:
http://www.peaceposter.de



# Skolta Esperanto-Ligo

**fondita en 1918**



Centra TTTejo: http://ttt.esperanto.org/skolta
Diskut-listo: skolta-esperanto-ligo@yahoogroups.com
**Estraro prezidanto**: Franco Abriani, Via Falconetto 24, I 37131 Verona VR, Italio **ĝenerala sekretario**: Hector Campos G., Casilla Postal 231 Curico, 7ª region, Ĉilio <mochila@terra.cl> **kasisto**: David H. Withey, 1 Brookfield Ave, Waterloo, Liverpool, Britio L22 3YE

**Reto de Reprezentantoj**

**Aŭstralio**: Kep Enderby, 2 Phoebe st., Balmain Sydney 2041 <kependerby@bigpond.com> **Aŭstrio**: S-ro Martin Báhr, Rasumofskygasse 2 /26, A-1030 Wien <mbaehr@stuts.org> **Belgio**: S-r o Arie Bouman. Driesdreef 8. B-9030 Gent, tel./fakso +32-9-227 48 41 **Brazilo**: Eluizio B. Rodrigues, R. P. Horacio M. Camargo, 120 / 14 , 18048-105 - Sorocaba (SP) <eluiziobueno@bol.com.br> **Britio**: S-ro David H. Withey, 21 Brookfleld Avenue, Waterloo Liverpool, L22 3YE, tel. (0)151 928 2936 **Bulgario**: D-ro Inĝ . Ĥristo Mandev, bul. Mogilev 2 II 19, Gabrovo 5306, tel. +359-66-23647 **ĉeĥio**: S-ro Pavel Sittauer, Hartmannova 1128. CS-67401 Trebiĉ, tel (0)618-21909 **Ĉilio**: S-ro Hector Campos Grez, Casilla de Correos 231, Curico, tel (oficeja) +56-75-315377 (hejma) -310382, <mochila@terra.cl> **Danio**: S-ro Bjarke Nielsen , Erdalsvej 30. DK-2600 Glostrup, tel. 43 968973 **Finnlando**: S-ino Carola Antskog, Mattkárr, FIN 25700 Kimito, tel. ±358-2-4213133 fakso (hejma): +358-2-423246. **Francio**: NR: S- ro Samuel Gaillard, 50, Avenue du Livradois, F-63800 Cournon-d'Auvergne. tel. +33-73-84.31.31 fakso: -34.77.20 <goelano@mconn.com.fr> **Hispanio**: Luis Cilperez Frade, Apdo Postal 7131, E 41080 Sevilla, tel (labora) 954570849 <luis@riskoes.com> **Hungario**: S-ro Aleksandro Pesti, Tó-u 20, H-6723 Szeged **Italio**: S-ro Franco Abriani, Via Falconetto 24, I-37131 Verona VR, tel.: +3945.525173 **Japanio**: F-ino Fumiko Kamaĉi, 3-4-4 Kasumigaoka, Sakai, Osaka, <BXL00154@nifty.ne.jp> **Kanariaj Insuloj:** Miguel (Luma Birdo) Cno. Verde, 101(Las Mercedes), 38293 La Laguna , Tenerife <lumabirdo@yahoo.es> **Kazaĥio**: S-ro Kabjan Edelbay, 637000 Pavlodar. Glavpost, DO BOCT, Kazakhstan **Koreio**: LEE Seung Yun (HL10DL/Junĉjo), Hwigyong-l Dong, Seul Garden Apt. 909, Dongdaemun (130-092), Seoul, <amiko@chollian.dacom.co.kr> **Kostariko**: S-ro Marvin Segura, Aptdo 1913 San Jose, tel. (01) 585561 **Luksemburgo**: S-ro Guido Ricci, 98 rue des Trevires, L-2628 Luxembourg, tel. +352495052 <sabina.guido@tiscali.be> **Nederlando**: S-ro J.K. Hammer, Taxusstraat 7, NL 1505 AA Zaandam tel. (0)75-6166931 <ko.hammer@planet.nl> **Norvegio**: P: Norvega Esperantista Ligo, Olaf Schous vei 18 N-0572 OSLO telefono/fakso: 22350894 <esp.oslo@s.no> **Nov-Zelando**: S-ino Gwenda Sutton, 12c Herhert Gardens, 186 The Terrace, Wellington 6001, tel. +64-4-4730847, fakso –4730848 <Sir_Lancelot@compuserve.com> <100235.3407@compuserve.com> **Pollando**: S-ro Jaroslaw A.Fotyga, ul. Harnesie 21/34, PL-2O-857 Lublin. tel. +48-81-711065 <upfotyga@klio.umcs.lublin.pl> **Slovakio**: Inĝ. Miroslav Havranek, P.O.Box 161, SK-83100 Bratislava, tel. +42-7-5332120 **Srilanko**: S-ro Roland Peries, 4 Sri Vijaya Road, Colombo 6 **Svedio**: kiel Finnlando **Usono**: S-ro Allan E. Fineberg, 28-24 Sherman Place, Fair Lawn, New Jersey 07410-4208, tel. 201/797-4884 <wib15@bergen.org> #

# Pliaj Sukcesoj en JOTI 2003

**La plej interesaj mesaĝoj estis la jenaj:**

Kian bonan ŝancon! Mi estas skoltino en Bulgario. Kaj mia avino kaj mia patrino konas Esperanton.
Kiam mi estis malgranda, mia panjo kantis por luli min certan kanton - estis mia unua kontakto kun esperanto. Ĝi nomiĝas Vivu la Verda Stel' ; mi kredas ke tiel oni skribas ĝin. Do, mi tre ŝatus havi la tekston, ĉar oni diris al mi, ke ĝi estas la himno de Esperanto... Diru al mi, se mi estas erara.
Mi vizitis la tttejon de SEL. Ĝi estas tre interesa. - Mi ĝin legis tute.
Mi volas demandi, ĉu vi povus traduki en Esperanton la paĝon pri mia urbo www.visit.vratza.com
Sofia el Bulgaria :)))

Omaĝe al ŝi kaj ŝia patrino ni konstruis novan paĝon en SEL TTTejo kun la kanto Vivu la Stel', por ke ambaŭ povu rememori pri kiam ŝi estis bebeto.
Serĉante por ŝi la muzikon, ni havis la feliĉon trovi en Skolta tttejo tiun ĉi muzikon adaptitan por skoltoj.
- Nu, ŝi pravis ! La muziko estas ja gravega por ni.
La muziko, kun koncernaj Esperantaj versoj kaj skolta adapto troviĝas ĉe:
http://ttt.esperanto.org/skolta/kant/vivu.html
La paĝo pri la urbo Vratza ankaŭ estas esperantigita, sed ne ankoraŭ rete disponebla. Baldaŭ la prizorgantoj disponigos novan turisman paĝon en E-o.

---

Sandy estas Akelao en la 7-a Kidderminster Svarmo. Jam en la pasinta jaro ŝi havis kontakton kun SEL. Ĉijare ŝi informis, ke estos en la 100jariĝa Ĵamboreo en Britio, kie ŝi laboros ĉe la "Komputila Teamo". Se neniu SELano partoprenos, ŝi promesis zorgi kaj disdoni informilojn pri SEL , numerojn de La Skolta Mondo kaj prezenti la Kompaktan Diskon kun la verko "Pli Vastaj Horizontoj" en diversaj lingvoj.
Ŝi invitas nin viziti ŝian grupon ĉe: www.kidderminster.org.uk
- Esperebla SEL havos bonan financan bazon, por povi sendi bonan kaj grandan materialon al la plej grava Ĵamboreo ĝis nun okazinta.

---

Ĉu estas kristnaska arbo dum Kristnasko en via lando?

Estis tre tre interese interŝanĝi mesaĝojn kun vi.
Varmajn salutojn el Germanio

Sheepy, Melly, Steffen, AKI, David k. Froggy

# Internaciaj Skoltaj Aranĝoj en 2003-4

| | | |
|---|---|---|
| **Bolivio** | 29 Dec. 2003 – 4 Jan. 2004 | JAMFRA – Ĵamboreo de Frateco |

En la urbo San Jacinto (Sankta Ĵasinto), provinco Tarija en Bolivio. Ĝi estos junulara renkontiĝo, kiu estas parto de la Programo "Kune Konstruante la Pacon" de Monda Organizaĵo de la Skolta Movado kaj UNESCO, por marki la Internacian Jardekon por Paca Kulturo kaj ne perforto kontraŭ la infanoj de la mondo.
Se vi intencas konstrui Kulturon de Paco, krei amikecon inter infanoj kaj junuloj de la Suda Konuso de Sud-Ameriko, Fermi la vundojn malfermitaj de malnovaj alfrontoj, kaj krei la kondiĉojn por pli bona estonteco , Ni atendas vin ĉe Jamfra .
Asocio de Skoltoj de Bolivio, Casilla de correo 3093, Cochabamba – Bolivio . Tel-numero: 591- 4- 4231025
TTTejo: http://bo.scouts-es.net
Ret-adresoj: scoutasb@supernet.com.bo jamfraasb@hotmail.com

| | | |
|---|---|---|
| **Koreio** | 5-11 Aŭgusto 2004 | 24-a Azi-Pacifika Ĵamboreo /11-a Korea Nacia Ĵamboreo |
| **Ĉinio** | 30 Julio - 9 Aŭg. 2004 | 12-a Tutmonda Skolta Roverado |
| **Arabio** | 27 Nov. - 2 Dec. 2004 | 24-a Araba Skolta Konferenco |
| **Britio** | 7-14 Aŭgusto 2004 | Internacia Amikec-Tendaro de Kibbleston |
| **Britio** | 20-30 Julio 2004 | Internacia Skota Patrol-Ĵamboreto |
| **Britio** | 7-14 Aŭgusto 2004 | 50-a Datreven-Tendumado |
| **Britio** | 31 Julio - 7 Aŭg. '04 | Poacher 2004 |
| **Britio** | 31 Julio - 7 Aŭg. '04 | WS 2004 |
| **Britio** | 31 Julio - 7 Aŭg. '04 | Essex Internacia Ĵamboreo 2004 |
| **Britio** | 29 Julio - 7 Aŭg. '04 | Campdowne 2004 |



En la tria semajnfino de oktobro ni partoprenis de JOTI (Tutmonda Skolta Ĵamboreo en la Reto), kie ni multe varbis por Esperanto.

**Unu el la plej ĉarmaj mesaĝoj ricevitaj de SEL estis la jena:**

Saluton,

Mia nomo estas Nigel kaj mi vizitas la Lupidan Bangaroo-Svarmon ĉe Naracoorte. Mi vivas en bieno ĉirkaŭ 23 km. oriente de Naracoorte proksime al Suda Aŭstralia kaj Viktoria bordoj. Ni havas ĉefe ŝafojn en la bieno. Mia lupida svarmo kunvenas Lundon vespere. Mia patrino estas estro de Joey-Skoltoj. Joey-skoltoj estas 6 - 8 jaraj. Kiom da lupidoj estas en via grupo ? En nia grupo ni nur havas 10 lupidojn kaj 11 Joeys. Lupidoj estas ĝojaj kaj mi amas tendumi. Mi estas 10 jara.

Kun amo,

Nigel




# 100JARIĜA

# ĴAMBOREO

1907 - 2007

**Ĉu ŝanco por SEL ???**

21-a Tutmonda Skolta Ĵamboreo

La temo de la Jubilea Ĵamboreo estas: **Unu Mondo, Unu Promeso**
Imagu mondon de paco kaj justico por ĉiuj.
Kial ili ne aldonas: lingva justico;
aŭ Unu Mondo, Unu Promeso, Unu Internacia Lingvo .
Rete: http://www.scouting2007.org/

| ITALA | ESPERANTO | PORTUGALA | HISPANA | NEDERLANDA |
|---|---|---|---|---|
| buca dei rifiuti | rubotruo | cova de detritos, fossa | basura | afval putje |
| distintivo | insigno | distintivo;insígnia | insignia | insigne |
| distintivo di seconda classe | duagrada insigno | distintivo de segunda classe | insignia de segunda clase | tweede klas insigne |
| Akela; capo branco | svarmestro, lupidestro | Akela; chefe de lobinhos | Akela | Akela |
| Arcanda; capo cerchio | svarmestrino | Akela | Akela | knaagje; driempje |
| Fiamma | standardo | cores da tropa | estandarte; guiónale tropa | vlag |

# Skolta Plurlingva Vortaro

nun ankaŭ en Esperanto

La aŭtoro (Ralf Bell) sin deklaris tre feliĉa pro la aldono de la internacia lingvo. De nun lia vortareto fariĝis 8-lingva..
Faru kontrolon: http://ttt.esperanto.org/skolta/vortar/

La Atesto ricevita de SEL pro la partopreno en JOTI 2003




**La unuan fojon eĉ la Atesto venis en la Internacia Lingvo.**

Espereble nia partopreno plu kresku, kaj JOTI-kunordigantoj plu kaj plu disponigu informojn en Esperanto.
Se ili vidas ke multaj geskoltoj elektas la lingvon Esperanto, ĝi fariĝos esenca ilo de JOTI, kaj Tutmonda Organizaĵo de la Skolta Movado pli serioze taksos la Internacian Lingvon kaj Skoltan Esperanto-Ligon .

 #